

N° 1. Jaro 1922.

# FERVOJA ESPERANTISTO

ORGANO DE »INTERNACIA ASOCIO DE LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ«

Prezo de unu numero en Ĉeĥoslovakio 1 Kč
Abonpago por 10 numeroj en Ĉeĥoslovakio 10 Kč
por ceteraj landoj . . . . . . . . . . . . . . 20 Kč
aŭ nacia mono laŭ la tabelo inter anoncoj.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO
EN PRAHA II., TĚSNOV N° 10 (Ĉeĥoslovakio).
Responda redaktoro, fervoja ĉefrevidento Jaromír Ivanovič.
Posedanto kaj eldonanto Oldřich Adámek.
Presejo »Politika« en Praha.

APERAS MONATE.
La manuskriptojn oni ne resendas.
Pri la prezoj de komercaj anoncoj sin turni al la administracio. — Poŝtĉeko ĉeĥosl. N° 21.265.

## Por la vojo...!

Sep jaroj estas pasintaj de tiu momento, kiam la laboro de I. A. E. F. devis esti ĉesigita pro la eksplodo de la mondmilito, de kiam la ekfloranta asocio mem estis disbatata.

La mondmilito, detruinta multajn valoraĵojn, tamen ne sukcesis, ne sole detrui la ĉiam pli kreskantan Esperanto movadon, sed eĉ haltigi ĝin. Kontraŭe — la mondmilito pruvis, ke universala interkomprenilo estas urĝa postulo de nia tempo. Antaŭ ĉio estis la malgrandaj nacioj fariĝintaj memstaraj sekve de la milito, kiuj pripensis la demandon pri helplingvo kaj energie ĝin akceladis. Ankaŭ la Ligo de Nacioj interesiĝas je enkonduko de internacia helplingvo.

Do ne povis okazi, ke tiuj rondoj, kiuj jam antaŭ la milito estis ekkonintaj la gravecon de la helplingvo kaj estis pruvintaj ĝian realigon, ne komencu denove labori. Ankaŭ inter la fervojistaro fariĝis vivanta la ideo, revivigi niajn interrilatojn. Al la XIIIa U. K. de Esperanto en Praha estis rezervita la tasko, efektivigi la intencon. La 2an de aŭgusto 1921 en lernejo (Pŝtrosova 13 la I. A. E. F. reviviĝis. La ĉeestantaro unuanime decidis, finkonstrui la verkon komencitan de nia ŝatata kolego Berlande antaŭ 12 jaroj.

Estu permesite al mi ĉi tie danki al la spirita iniciatoro kaj al la efektiva fondinto de nia asocio, s-ro Armand Berlande kaj al la senlaca redaktoro de nia faka organo, s-ro Bontemps. Estis en la jaro 1909a, kiam kolego Berlande alvokis ĉiulandajn fervojistojn esperantistajn, invitante ilin kunveni en Barcelona dum la Va U. K. de E., por fondi Internacian Asocion de Esperantistaj Fervojistoj. Al ili apartenas kaj direktiĝu nia danko... Ilia verko disfalis, sed vivas ilia spirito.

En ilia senco ni volas plue konstrui la verkon, meti brikon sur brikon, ĝis kiam estos finkonstruita la domo, kiu sub sia tegmento ĉiujn fervojajn esperantistojn unuigos. Ni povas esperi, ke ĉi tiu tempo ne plu estas malproksima. Sincere kaj pacience ni plenumos niajn libervole promesitajn devojn. Fervojistoj Esperantistaj! Montru vian potencon antaŭ la esperantista mondo ankaŭ rilate la lingvon Esperanto. Ĉiu faru sian devon; ni montru, kiajn fortojn ni povas disvolvi, kiam ni sole volas.

Nia faka organo estu la ilo, kiu nin interligas. Zorgu ĉiu, ke ĝi fariĝu tia, kia ĝin vidi ĉiu deziras. Ĝi estu la fonto, el kiu ni ĉerpas. Ni esperu, ke estonte nenio malhelpos nian laboron, por ke nia sonĝo baldaŭ efektiviĝu. Ni ĉiuj diligente laboru!

Obstine antaŭen ĝis la venko!

*Georg Habellok,*
prezidanto de I. A. E. F.

## Fervojo kaj esperanto.

La plej gravajn internaciajn interrilatojn prizorgas ĉiutage fervojoj, kiel iloj perantaj internacian komercon. Por ebligi kaj plifaciligi ĉi tiujn interrilatojn, kontraktis ŝtatoj respektive fervojaj administracioj diversajn konvenciojn, el kiuj en Eŭropo plej konata estas la interŝtata Berna konvencio pri fervoja transporto de komercaĵoj. Jam okaze de kontraktaĵo de ĉi tiu konvencio oni devis solvi eĉ lingvan demandon. Origina teksto de la kovencio estis redaktita en la lingvo de diplomatoj, kiun bone scipovis okcidenteŭropaj administracioj aliĝintaj al la konvencio, sed por la mezeŭropaj anoj oni devis aldoni germanan tradukon kaj decidi, ke la germana teksto estas same valora kiel la origina franca teksto koncerne la transporton, kiun partoprenis iu fervoja administracio, kies administra lingvo estas ekskluzive germana aŭ paralela kun ĝi iu alia nacia lingvo.

Tiamaniere oni povis plifaciligi komercajn interrilatojn en epoko, kiam en Mezeŭropo ekzistis: „Verein der deutschen Eisenbahnverwaltungen" (Unuiĝo de germanaj fervojaj administracioj), sed jam tiu decido pruvis, ke la franca lingvo — tre taŭga por diplomatoj — ne taŭgas por plifaciligi internacian komercan interrilatojn eĉ sole en Eŭropo. Kaj la fervojistoj servintaj en limstacioj de meza aŭ orienta Eŭropo certe povas multe rakonti, kiamaniere tiaj internaciaj sendaĵoj malfaciligis la servon al la personaro en lingvaj rilatoj. Sed pli malagrablajn spertojn faris la oficistoj en centraj administrejoj, se okaze de reklamacioj ili trovis en aktoj pritraktojn skribitajn en fremdaj lingvoj, kiujn ili ne komprenis.

Tiuj malfacilaĵoj pligrandiĝis post la milito, kiam en meza Eŭropo estis fonditaj novaj ŝtatoj. Ni pripensu nur: se antaŭ la milito iu komercaĵo estis transportita el Rjeka (Fiume) trans Ljubljana (Laibach) — Wien — Brno (Brünn) — Breslau — Poznań (Posen) — Königsbergon kaj se kaŭze de reklamacio oni devis poste esplori en rilataj stacioj sekvante la vojon faritan de la komercaĵo, do tiam la esploraj priskriboj en la tuta akto estis skribitaj sole germane. Nune tiuj esploroj estus priskribitaj itale, serbe, germane, ĉeĥe, pole kaj ree germane. Kiom da tempo kaj kiom da mono kostas ĉiun fervojan administracion la tradukado de la esplorpriskriboj? Kaj kiom da malkompreniĝoj kaŭzas tiaj tradukoj?

Ĉiu fervoja administracio sentas malekonomiecon de la nuna praktiko, sed neniu el ili kuraĝas fari proponon je plibonigo t. e. je elekto de iu lingvo kiel reciproka interkomprenilo.

El naciaj lingvoj eŭropaj pleje taŭgus por ĉi tiu celo la belsona lingvo itala, ĉar ĝi estas el la naciaj lingvoj plej facile ellernebla kaj parolebla. Sed pri realigo de tia propono oni ne povas eĉ nur pensi, ĉar tiurilate kontraŭstarus angloj, kies lingvo estas nune preskaŭ tutmonda interkomprenilo ĉe transmaraj komercaj interrilatoj. Sed funda scio de angla lingvo estas nur malfacile akirebla kaj la kapablo de ĝia ĝusta elparolado estas por multaj nacioj entute neatingebla. La germana lingvo estas nune haltigita en sia disvastigado, pri la franca lingvo ni jam parolis supre. Nun ni tute malatentu la rivalecon inter naciaj lingvoj kaj pripensu nur ĉu el praktika vidpunkto estus penseble elekti unu el naciaj lingvoj kiel internacian interkomprenilon ĉe la fervojoj.

Por plifaciligi kaj malmultekostigi fervojajn interrilatojn, estus necese, ke ĉiu fervojisto estu kapabla interkompreniĝi per la elektita interkomprenilo t. e. ke li komprenu ĉiujn notojn en veturiga letero, en veturiga karto, en ŝarĝlisto, en tabeloj pri transdonataj komercaĵoj, en doganaj paperoj k. t. p., kaj ke li ankaŭ estu kapabla bone esprimi siajn pensojn per tiu elektita interkomprenilo tiamaniere, ke okaze de oficaj esploroj la tuta akto estu skribata sole en unu t. e. en la elektita lingvo, por esti sen tradukoj komprenebla al ĉiu fremdlanda fervojisto.
dukoj komprenebla al ĉiu fremdlanda fervojisto.
Ĉu estas penseble, ke ĉiu — eĉ plej malinteligenta — fervojisto povus akiri tian profundan scipovon de iu fremda nacia lingvo? Certe ne!

Do post kelka tempo fervojaj administracioj estos devigataj elekti iun facile ellerneblan kaj paroleblan artefaritan lingvon. Konsiderante la nunan disvastigon de nia lingvo ni povas esperi, ke esperanto estos elektita kiel tiu interkomprenilo.

Kaj do, karaj samideanoj, grava demando: Ĉu ni jam estas tiel preparitaj se tia elekto de la fervojaj administracioj efektiviĝos, ke ni povu atendi tiun momenton kun brakoj kunmetitaj sur genuoj? Nepre ne! Nia lingvo, kvankam certe pli perfekta ol multaj lingvoj naciaj, ankoraŭ ĉiam devas evolui. Precipe estas necesegaj fakaj terminoj.

Tial nia unua tasko estas nun, labori tre diligente pri preciza fervoja terminaro. La tasko ne estas tiel facila, kiel eble ŝajnas al multaj kolegoj. Ĉiu termino devas esti zorgeme elektita el internaciaj esprimoj de iu komisio konsistanta el fervojistoj kaj lingvistoj. Alie ni kaŭzus ĥaoson, kiun eĉ la lingva komitato ne kapablos forigi.

Plej frue estas necese prizorgi terminaron por fervojaj komercaferoj, ĉar ĝi estas tre necesa ne sole por la fervojoj mem, sed ankaŭ por la publiko uzanta fervojajn servojn. Kaj tiu terminaro estas plej grava eĉ por la fina venko de nia lingvo mem, ĉar, se ĉi tiu terminaro estos tiel taŭga, ke ĝin komprenisto aŭ vojaĝanto ekspertos, ke en fervojaj aferoj oni povas tre facile interkompreniĝi per esperanto, ili fariĝos niaj helpantoj kaj devigos fine eĉ obstinajn fervojajn administraciojn enkonduki esperanton kiel interkomprenilon. Do, kolegoj, al la laboro! Ĉiu el ni oferu ĉiutage nur duonon da horo al nia komuna afero, precipe al la prilaborado de la fervoja terminaro. La organizon de ĉi tiu laboro prenis sur sian elprovitajn ŝultrojn nia ŝatata kolego Habellok en Breslaŭ, kiu ĉiun interesulon instruos pri la ĝis nun faritaj laboroj kaj pri la estontaj organizaj planoj.

Nun ĉiu el vi tuj disponigu siajn fortojn al li.

*Jos. Řebíček (Olomouc).*

## Nia laboro.

Pro malsano de nia vicprezidanto s-ro Kašpárek kaj laŭ decido de la komitato de nia asocio, oni metis sur min la pezan sed honoran funkcion de la redaktoro de nia oficiala gazeto. Kiel de unu el la fondintoj de nia asocio en Barcelona, estos certe mia nomo inter la antaŭmilita esperantistaro fervojista nature sub mia tiama nomo (Jaromír Schwarz, fervoja komisario en Sarajevo, Bosnio-Herzegovino) kelkaparte konata. Lando kaj urbo estas nun certe sufiĉe famaj, ĉar tie ektondris la unua mortiga pafo ekbruliginta la tutan mondon.

Nia unua kaj plej ŝatata prezidanto s-ro Berlande mortis antaŭ la eksplodo de la monda milito, li ne vidis la teruran, kun teknika rafineco aranĝitan, homan buĉadon. Al li estis ŝparitaj la doloro, disiluziiĝo, disreviĝo... Gloron al li kaj ĉiaman memoron ni gardu pri lia persono.

Multaj el niaj kolegoj fervojistoj, inter tiuj ankaŭ esperantistoj perdis dum ĉi tiu kruela milito sian vivon. Gloro al iliaj ombroj, ĉiambenanta memoro restu en niaj koro pro ilia martireco. — Personoj mortas, sed la ideoj vivas eterne.

Ne estas bezone pritrakti, kiel gravegan, mi povas diri, ĉefan rolon ludis fervojoj dum la monda milito kaj post ĝia fino. Sed same, kiel dum la milito ili servis al celoj detruigaj, tiel estas nun iliaj tasko kaj devo restarigi en la unua vico la ruinigitan Eŭropon. Ni fervojistoj, precipe esperantistaj, vidas, kiel grava kaj respektinda faktoro ni estis, estas kaj ĉiam devos esti en la vivo de la homaro.

Tial ni inde tenu alten nian standardon profesian. Timigan ekzemplon prezentas al ni en tiu rilato du kompatindaj landoj, Rusio kaj Ukrainio. Tie ekzistas fervojoj, sed mankas aŭ ne ekzistas »la fervojistoj«; la fervojoj ne funkcias kaj sekvo de tio estas malsato. En la postmilita ĥaoso la fervojistoj savis la situacion en la malpli malfeliĉa parto de Eŭropo.

Nia programo estas simpla, sed tamen pro la ĝenerala obstino de oficialaj rondoj tre malfacila. Tio ne timigas nin. Ju pli peniga laboro, des pli obstinaj estos niaj klopodoj kaj des pli dolĉa la fina venko. Kun tiu sento ni prezentas al Vi karaj samprofesianoj la unuan numeron de nia gazeto, kies enhavo esprimas sufiĉe nian programon, almenaŭ parte. Laboru malkaŝe kune kun ni, subtenu nin, ĉar nia gazeto estos la tribuno, la centro de niaj movado kaj organiza laboro. Naciaj, klasaj kaj religiaj diskutoj estu afable flanke lasitaj.

Ni petas indulgon kaj paciencon, se ĉio ne estas tiel, kiel oni dezirus kaj atendus. Iom post iom ĉio pliboniĝos en niaj vicoj, sed ni devas seninterrompe fosi nian sulkon.

Estu antaŭ ĉio
bona kamarado
de l'flugila rado!
Nia profesio
esperantigita,
firme starigita
alte sur altaro
de laboro por homaro.
Malgraŭ diverseco
de la nacieco —
reciproka amo!
Jen nia programo.

Saluton al vi karaj pacaj kunbatalantoj!

*Jaromír Ivanovič.*

---

## Voĉo de niaj kamaradoj.

La fervojistoj el Mantova, anoj de la I. A. de E. F., salutas kun ĝojo la unuan numeron de la tutmonda faka gazeto: »Fervoja Esperantisto«. Ili estas konvinkitaj, ke ĝia programo, dediĉita al vera fratiĝo de la fervojistoj sen diferenco de nacieco, religio aŭ profesia rango, povos rimarkinde plifaciligi la rilatojn inter la popoloj. Dezirante al la tutmonda internacia fervoja faka gazeto la plej grandan disvastiĝon, ili esperas, ke ĝi faros gravan poresperantan propagandon en ĉiuj landoj. Do samideanoj fervojistoj! Abonu kaj rekomendu al via konataro nian fakan gazeton!

---

## Kurso en Praha.

En Praha aliĝis 28 personoj al esperanto-kurso por komencantoj. Direkcio de ĉeĥoslov. ŝtataj fervojoj en Praha kun permeso de la fervoja ministerio donis ĉe la stacidomo »Wilson« unu lernejan ĉambron al dispono. La kurso estis malfermita la 1. XII. 1921 de ĉefrevidento s-ro A. Kašpárek kaj daŭrigata de adjunkto s-ro Vl. Benda ĝis la 30. IV. 1922. Kvankam multaj lernantoj ne povis pro fervojaj ekzamenoj regule viziti la kurson, estis rezultato kontentiga. Nova kurso komenciĝos aŭtune, kaj oni atendas pli grandan partoprenon. Cetere ĝi dependas de la poresperanta propagando inter fervojistoj. Novajn aliĝojn akceptas s-ro. Vl. Benda, adjunkto ĉe IX/1a departemento de la ferv. direkcio en Praha.

---

## Hradec Králové.

La klubo esperantista en Hradec Králové (Ĉeĥoslovakio), aranĝis dum la vintra sezono de pasinta jaro specialan kurson de esperanto por fervojistoj. Instruis prezidanto de la klubo s-ro Oto Sklenčka, oficisto de »Živnostenská banka« en Hradec Králové. Al la kurso aliĝis 84 getervojistoj kaj la kurso daŭris de la 1a oktobro ĝis la fino de decembro 1921. La rezultato estis kontentiga. Krom tio aranĝis la klubo apartan kurson por cetera publiko. La fervora sekretario de la klubo estas s-ro Karel Juna, revidento de la direkcio de ŝtataj fervojoj en Hradec Králové, departemento VI.

---

## Statistikaj datoj pri ĉeĥoslovakaj fervojoj.

Suma longo de ĉeĥoslovakaj fervojoj estas 13.031 km, el tio 86·6%, estas sub administrado de la ŝtato, 13% sub privata kaj 0·4% sub tiu de fremdaj ŝtatoj. En Bohemio estas 6777 km de fervojoj (1 km je 983 loĝantoj), en Moravio 2218 km (1 km por 1199 loĝantoj), en Silezio 531 km (1 km por 1173 loĝantoj), en Slovakio kaj en Subkarpata Rusio 3504 km (1 km por 1027 loĝantoj). Meznombre por la tuta respubliko oni kalkulas 1 km da fervojo por 1040 loĝantoj. Sub ĉiuj tiuj fervojoj estas 23,332.988 lignaj laŭlarĝaj sojloj, el kiuj 8,270.803 kverkaj, 2,975.473 el ligno de ceteraj foliohavaj arboj kaj 12,086.712 el ligno de arboj koniferaj. Al unu km de fervojo apartenas meznombre 1285 sojloj. Plej granda alto de fervoja linio estas 995 m super mara nivelo, (unuigitaj lokaj fervojoj de Šumava), plej malgranda alto estas 97 m en regiono de Bratislava. Plej granda altiĝado estas 1 : 14 (loka fervojo de Brno). Pontoj pli longaj ol 2 m estas 8639, viaduktoj 162, tuneloj kaj portikogalerioj 155, kruciĝejoj de fervojo kun la pontoj, kiuj estas super fervoja linio 845, kruciĝoj de fervojaj linioj kun aliaj vojoj 27.942, interkruciĝoj de fervojaj linioj 236. Suma pezo de ĉiuj metitaj reloj estas 1,452.000 tunoj. La fervojoj administrataj de la ŝtato havas 1673 staciojn kaj 1102 haltejojn, la privataj fervojoj havas 196 staciojn kaj 183 haltejojn.

---

## Sciigo de la administracio.

Abonon sendu sole al la administracio, membran kotizon al kasisto de IAEF s-ro Emanuel Kubásek, fervoja revizoro, Lobezská ul. Prov. domy, skup. B-I.-68., Plzeň, Ĉeĥoslovakio. — Kiu jam sendis la abonon al la kasisto, retenu la pagilon por estonta monsendo.

---

## Fervojistoj!

Sendu al la redakcio raportojn pri esperanta movado en via loko, pri agemo de esperantistaj societoj, kluboj, rondetoj kaj pri fervojaj aferoj. Pliriĉigu la enhavon de nia gazeto per via kunlaboro, verkante originale aŭ tradukante artikolojn. Rekomendu ĉe nia konataro nian gazeton, sendu al ni adresojn de tiuj, pri kiuj vi opinias, ke ili abonus, nian gazeton. (Nepagotaj artikoloj estas dankeme akceptataj.)

*Redakcio.*

---

## Kiel sendi monon al ni?

1. Esperantistoj el Ĉeĥoslovakio, Aŭstrio kaj Polio pagu al ni ekskluzive per pagilo de poŝta ĉekoficejo (platenka poštovního úřadu šekového, Erlagsschein der Postsparkasse, blankiety nadawcze pocztowej kasy oszczędności). Se vi ĝin ne havas, petu ĝin ĉe ni per poŝtkarto!!! Neniam pagu al ni per poŝtmandato (poštovní poukázka, Postanweisung, przekaz pocztowy), ĉar tia monsendo estas tro multekosta kiel por sendinto tiel por ni!!!

2. Esperantistoj el ceteraj landoj pagu al ni per papermono en rekomendita letero, sed ekskluzive en valuto montrita por ilia lando en nia tabelo de abono!

*Administracio.*

---

## „Nova Eŭropo".

Post la monda milito aperis sur monda scenejo multaj novaj kaj renovigitaj ŝtatoj de liberigitaj malgrandaj nacioj. Tiuj ĉi novaj ŝtatoj estas gravaj, sed malmulte konataj membroj de internacia familio. Por ke la mondo havu okazon konatiĝi al si tiujn ĉi novajn ŝtatojn per informoj prezentitaj de anoj de tiuj nacioj estis fondita esperanta gazeto, kiu sub titolo »Nova Eŭropo« aperas en Praha (Těšnov 10). La gazeto enhavas grandnombrajn kaj interesajn materialojn pri malgrandaj nacioj kaj la plej gravajn dokumentojn el la internacia vivo kaj el la esperantista mondo. Nova mondo »nova Eŭropo« en vera stato malfermiĝas antaŭ okuloj de legantoj. Ni povas rekomendi la abonadon de tio ĉi neordinare malmultekosta gazeto (20 Kč por dek numeroj).

---



---

## NOMARO
### DE LA ANOJ DE J.A.E.F.

1. Georg Habellok, inspektoro, Breslau 10, Schleiermacherstr. 19, (Germanio).
2. Adolf Kašpárek, ĉefrevidento, Praha-Smíchov, Nádražní ul. 31, (Ĉeĥoslovakio).
3. Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Műllerova 266, (Ĉeĥoslovakio).
4. Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Prov. domy skup B-I-68, (Ĉeĥoslovakio).
5. Hugo Steinhauer, inspektoro, Wien II., Böcklinstrasse 8, (Aŭstrio).
6. G. Hedström, fervojisto, Gefle, (Svedio).
7. J. W. Poolen, ŝarĝestro, Rotterdam, Zwaanshals 212b, (Nederlando).
8. W. Kok, ĉefkonduktoro, Rotterdam, Gouvernestraat 2a, (Nederlando).
9. Sidonie Dlouhá, kasistino, Praha, Wilsonovo nádraží, (Ĉeĥoslovakio).
10. Karl Heil, ĉefinspektoro, Cheb, Grabenstr. 33/II., Ĉeĥoslovakio.
11. Joh. Gunia, oficisto, Přívoz 746 (Ĉeĥosl.).
12. František Fikrle, inspektoro, Bratislava, Ŕiditelství st. drah, odd. VII., Ĉeĥoslovakio.
13. Otto Geier, oficisto, Dresden, Germanio.
14. Karl Göll, ĉefkonduktoro, Podmokly 707, Ĉeĥoslovakio.
15. Marta Broistedt, oficistino, Holzminden, Braunschweig, Germanio.
16. Antonín Kubásek, vagonarestro, Plzeň, Barrandova 16, Ĉeĥoslovakio.
17. Max Schrank, oficisto, Kempten i. Allg., Germanio (Bavario).
18. Karl Pfeiffer, inspektoro, Aschaffenburg, Unterfranken, [illegible] 3/II, Germanio (Bavario).
19. Karel Voříšek, ĉefkonduktoro, Plzeň, Litická ul. č. 30, Ĉeĥoslovakio.
20. Bohumil Kozák, ĉefkonduktoro, Plzeň, Letná, Jungmannova 93, Ĉeĥoslovakio.
21. Leopold Zörner, ĉefrevidento, Plzeň, Sedláčkova 19/II., Ĉeĥoslovakio.
22. Antonín Černý, ĉefkonduktoro, Plzeň, Radinská 54, Ĉeĥoslovakio.
23. Jindřich Švestka, ĉefkonduktoro, Plzeň, Nepomucká 42/II., Ĉeĥoslovakio.
24. Karel Anděl, adjunkto, Olivětín, p. Broumov-Olivětín, Ĉeĥoslovakio.
25. Václav Levý, fervojisto, Plzeň, hlavní nádraží, Ĉeĥoslovakio.
26. Josef Pech, fervojisto, Plzeň, Houškova 4, Ĉeĥoslovakio.
27. Josef Hrabák, fervojisto, Plzeň, Radinská 38, Ĉeĥoslovakio.
28. Jan Bodlák, asistento, Vlastec, nádraží, Ĉeĥoslovakio.
29. Vojtěch Veselý, revizoro, Plzeň, ředitelství st. drah, VI./3, Ĉeĥoslovakio.
30. Otto Charvát, oficisto, Trnava, nádraží, Ĉeĥoslovakio.
31. Oldřich Řehák, fervojisto, Kopidlno 57, Ĉeĥoslovakio.
32. Václav Kmoch, servisto, Praha VII., Šimáčkova 910, Ĉeĥoslovakio.
33. Jan Blabolil, servisto, Praha-Vršovice, Mojmírova 657, Ĉeĥoslovakio.
34. Ludvík Herrmann, ĉefinspektoro, Praha-Smíchov, Zbraslavská, Ĉeĥoslovakio.
35. D-ro J. Fifka, konsilanto, Praha-Vinohrady, Žižkova 12, Ĉeĥoslovakio.
36. František Navrátil, ĉefrevidento, Praha VII., Ovenecká 34, Ĉeĥoslovakio.
37. Milan Červený, ĉefrevidento, Benešov 472, Ĉeĥoslovakio.
38. Jaroslav Kalda, ĉefinspektoro, Praha-Vinohrady, Hálkova 44, Ĉeĥoslovakio.
39. D-ro Zdeněk Domažlický, ĉefkonsilanto, Praha-Smíchov, Dvořákova 1288, Ĉeĥoslovakio.
40. D-ro J. Kotting, konsilanto, Praha-Karlín, Královská 22, Ĉeĥoslovakio.

41. **František Stejskal**, konduktoro, **Praha-Vinohrady**, Mikovcova 9, Čeĥoslovakio.
42. **D-ro Antonín Žipek**, koncipisto, **Praha-Smíchov**, Třebízského 1215, Čeĥoslovakio.
43. **Václav Juhn**, konsilanto, **Praha-Vinohrady**, Vozová 6, Čeĥoslovakio.
44. **Filip Kopřiva**, oficialo, **Praha-Nusle**, Riegrovo nám. 5, Čeĥoslovakio.
45. **Josef Staňa**, konduktoro, **Praha VII.**, Jablonského 639, Čeĥoslovakio.
46. **Rudolf Volek**, konduktoro, **Praha I.**, Anežská 6, Čeĥoslovakio.
47. **Zdeňka Dufková**, skribistino, **Praha-Vršovice**, nádraží, osobní pokiadna, Čeĥoslovakio.
48. **František Macík**, ekspediento, **Čerčany** 43, Čeĥoslovakio.
49. **Karel Urbanec**, ĉefrevidento, **Praha-Karlín**, Riegrova 8, Čeĥoslovakio.
50. **D-ro Karel Nechvíle**, ĉefkonsilanto, **Praha-Vinohrady**, Budečská 47, Čeĥoslovakio.
51. **Bohuslav Hejnic**, revizoro, **Praha VII.**, Vltavská 161, Čeĥoslovakio.
52. **Karel Frank**, ĉefrevidento, **Praha**, Wilsonovo nádraží, Čeĥoslovakio.
53. **Karel Leš**, fervojisto, **Senica**, nádraží, Čeĥoslovakio (Slovakio).
54. **Antonín Máša**, vagonareksp., **Bolehošť** 85. Čeĥoslovakio.
55. **Eduard Sturm**, staciestro, **Horní Jiřetín** v sev. Čechách, Čeĥoslovakio.
56. Josef **Koubek**, oficialo, **Borohrádek**, Čeĥoslovakio.
57. **Josef Doubek**, konduktoro, **Praha-Vinohrady**, Komenského 31, Čeĥoslovakio.
58. **Václav Třešňák**, konduktoro, **Praha-Vinohrady**, Palackého 82, Čeĥoslovakio.
59. **Jaroslav Kudlík**, fervojisto, **Praha-Žižkov**, Poděbradova 4, Čeĥoslovakio.
60. **Vojtěch Vodrážka**, fervojisto, **Praha VII.**, U Vozovky 245, Čeĥoslovakio.
61. **Jan Dušek**, konduktoro, **Praha VII.**, Palackého 81, Čeĥoslovakio.
62. **Alois Domáček**, konduktoro, **Praha-Vinohrady**, Brandlova 43, Čeĥoslovakio.
63. **Alois Daněk**, konduktoro, **Praha-Žižkov**, Svihovského, Čeĥoslovakio.
64. **Frant. Lambert**, konduktoro, **Praha XV.**, Všehrdova 3, Čeĥoslovakio.
65. **Karel Juna**, revidento, **Hradec Králové**, 574, Střelecká, Čeĥoslovakio.

(Daŭrigo en la venonta numero.)

## SOMERA RESTADO



## ANONCETOJ



## KORESPONDADO

PREZOJ: Unu enskribo dulinia kostas 4·— Kč. Vi povas sendi letere banknotojn. Por dekdu sinsekvaj publikigoj 20% rabato.

MALLONGIGOJ: PK = poŝtkartoj. PI = ilustritaj poŝtkartoj. L = leteroj. PM = poŝtmarkoj. BFL = poŝtmarko sur bildflanko. KĈL = kun ĉiuj landoj. EA = esperantaĵo. EG = esperantaj gazetoj.

ĈIU KORESPONDANTO (anoncanto) havas moralan devon almenaŭ unufoje respondi.

### AŬSTRIO.

**Wien XIV.** — S-ro Karl Kochmann, filo de gastejestro, Hugigasse 15, PM, kaj aŭstrian militpapermonon KĈL, certe tuj respondas.

### BELGIO.

**Lez Gand** — F-ino Marie Roeland, Rue de l'avenir 20, Mnt Sn, Amand, PI, PM.
**St. Niklaas W.** — S-ro O. de Boes, Zamanstraat 14, PI, PK, PM, L, ĉiam respondos.

### BULGARIO.

**Beli Osam** — S-ro Koljo Benev, Trojan, PI, L, KĈL.
**Karlovo.** — S-ro M. Ruskov, PK, PI, PM, L. Interŝanĝas ĉion kio koncernas silkon (ŝelojn, semojn, vivulojn, papiliojn kaj materiojn.

### ĈEĤOSLOVAKIO.

**Josefov-nádraží.** — S-ro Josef Mertlík, PI, PM.

**Kopidlno.** — S-ro Oldřich Řehák, PM. PI, L, esp. propagandajn presaĵojn, KĈL.
**Nové Mesto n. Metuji.** — F-ino Vlasta Dvořáková, ŝoltino, No 240, korespondas esperante, ruse kaj germane.
**Praha II.** — S-ro František Čoudek, Václavské n. 31, PM, PI.
**Praha-Břevnov.** — Fraŭlo Jan Řehák, Tomkova 433; PI, PM, KĈL, BFL, L.

**Praha-Vinohrady.** — S-ro Bedřich Stárka, bankoficisto, Gregrova 18, PM.

**Praha-Vinohrady.** — S-ro Jaroslav Vachalovský, Na Švihance No 4, PM kun samideanoj el Japanio, Ĉinio, Rusio, Hindio, Ameriko, Aŭstralio, Afriko, Tasmanio, Nova Zelando ktp.
**Úpice.** — F-ino Máňa Bourová, instruistino-učitelka, PI.

### ESTONIO.

**Tallinn.** — F-ŝlo A. Ivanov, S. Pärnu m. 38. PI. BFL.
**Tallinn.** — S-ro R. Reim, S. Pärnu m. 102. PI kun ĉiuj landoj.

### FRANCIO.

**Chartres** (Eure-et-Loir). — S-ro J. Sonazay, presaĵkorektisto, 19 rue du Petit-Beauvais, PI, PM, BFL, KĈL.

### GERMANIO.

**Eisleben.** — S-ro Wilh. Lange, Halleschestr. 68, PI, KĈL, PM.
**Mobendorf b. Hainichen i Sa.** — S-ro Erich Gehre, PM kun ĉiuj landoj.

### HISPANIO.

**Nerva-Huelva.** — S-ro Juan Vazquez, strato Jaime Vera No. 24, deziras ekligi rilatojn kun komercistoj dezirantaj eksporti komercaĵojn en Hispanion.

### ITALIO.

**Firenze.** — S-ro capit. Michele Liverani, Via S. Gallo 27, PI, BFL, PM. Ĉiam respondas.

### JAPANIO.

**Kioto.** — S-ro Teichi Fujibajashi, Tanaka Sekiden-cho 33, deziras korespondadi per PI kun gesamideanoj en la tuta mondo.
**Kioto.** — S-ino Tamako Terao, Kazan Oenkeji, Jamashina, PI, KĈL.
**Kami-Tsutsui, Kobe.** — S-ro Ichiro Aoki, 77/7 Chome, PI, PM
**Osaka.** — S-ro Tadaŝi Ajsaka, Takaŝinohama 779 Tunao dez koresp. p r e c i p e kun fraŭlinoj PI, L.

### JUGOSLAVIO.

**Ljubljana.** — S-ro A. Volný, Bleiweisova 5. III., PI, PM, KĈL.

### POLIO.

**Częstochówa.** — S-ro Fr. Bartoszek, Częstochowianka, PM, PI, L.
**Lodz.** — S-ro J. Glicenŝtajn, Zachodnica 54, PI, L, BFL kun s-anoj el la tuta mondo. Tuj respondas.
**Raków-Częstochówa.** — S-ro Józ. T. Stryjewski interŝanĝas polajn PM, bazo Michel 1920 aŭ Yvert-Tellier.

### RUMANIO.

**Sibiu (Transilvanio).** — S-ro Tomaso Gärtner, Roszmangsti 6, deziras korespondadi kun gesamideanoj KĈL prefere per PI.

### RUSIO.

**Orel.** — S-ro Vs. Basov, direktoro de Eksperimenta Psikologia Laboratorio, 2a Posadskaja No 19, serĉas seriozajn korespondantojn pri psikologio kaj pedagogio eksperimentaj, psikotekniko, difektologio; ankaŭ por muzeo Turgenev li interŝanĝas tradukaĵojn de liaj verkoj.
**Tambov** — S-ro Anatol Volochov, Kambarovskaja 48, L pri vivkutimoj, sporto kaj diversaj demandoj de vivo.
**Vladivostok** (Siberio). — S-ro Vladymir N. Kosytsin deziras interŝanĝi paperan monon KĈL.

### UKRAINIO.

**Bachmut.** — S-ro Lazaro Abramovič, Charkovskaja 65, L, PI, BFL, kun ĉiuj landoj. Ĉiam tuj respondas.
**Bachmut.** — S-ro Aleksandro Trachterov, Charkovskaja 32. L, PI, BFL.

## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj (I. A. E. F.)

estis starigita dum la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Praha (2./VIII. 1921) Ĝia celo estas: Propagando kaj instruado de Esperanto; eldono de faka vortaro (terminaro) kaj de universala fakgazeto; fine, klopodo plifaciligi al la geasocianoj kaj iliaj familianoj la vojaĝadon kaj restadon en fremdlandoj.

En la komitaton de I. A. E. F. estis elektitaj la sinjoroj:

1. Prezidanto — Georg Habellok, fervoja inspektoro, Breslau 10 (Germ.) Schleiermacherstrasse 19.

2. Vicprez. — Adolf Kašpárek, fervoja ĉefrevidento, Smíchov — Nádražní ul. 31 — Čeĥoslovakio (rezignis pro malsaneto).

7. Sekretario — Josef Blažek, fervoja inspektoro, Olomouc — Müllerova tř. 266 — Čeĥoslovakio.

4. Kasisto — Emanuel Kubásek, fervoja revizoro, Plzeň — Lobezská ul. Prov. domy Skup. B.-I.-68. . Čeĥoslovakio.

La jarkotizo: 5 kč, 10 mk (germ., eston., leton., litov.) 10 mk finaj, 2 fr (fr. blg.) 1 ŝiling, 2 k skand. (sved. norv.) danaj, 2 liroj, 2 drakmoj, 10 dinaroj, 3 pesetoj, 20 levoj, 10 lejoj, 250 kr (aŭstr.), 100 hung., 100 mk polaj, 1 guld. hol., ½ dolaro (ank. Buenos Aires), 2 jenoj jap., ceteraj landoj 1 fr svisaj.

La enskriba pago: 3 kč, 5 mk germ., 5 mk fin., 1 fr., ½ ŝil., k. t. p.......... ĉiam la duonon de la jarkotizo. (Estas necese reguligi pli precize suprajn prezojn en la ferv. konferenco dum la XIVa en Helsinki.)

La jarabono montrita en la tabelo de abonoj.

## Aliĝilo.

Mi aliĝas al la I. A. E. F. Mi mendas..........ekzempleron de „Fervoja Esperantisto".
Jarkotizon kun la enskriba pago.................................. } notu la sumon en Via
Jarabonon de la gazeto.................................. } monunuo (valuto)
mi sendas { kasisto S^ro Em. Lubásek en Plzeň.................................. } en rekomendita letero (pro
al la { Peranto Delegito*) S^ro..................en.................. } ĝisnunaj poŝtaj malfacilaĵoj)
1. Familia nomo (S^ro, S^no, F^ino).................................. 1
2. Antaŭnomo.................................. 2
3. Profesio.................................. 3
4. Oficiala loko.................................. 4
5. Gepatra lingvo.................................. 5 } en esperanta lingvo.
6. Nacieco.................................. 6
7. Strato kaj numero.................................. 7
8. Urbo.................................. 8
9. Provinco.................................. 9
10. Lando (ŝtato).................................. 10

Resendu vian aliĝilon senprokraste nur al la sekretario! Oni sendu laj arkotizon kun enskr. pago al la kasisto! La membrokarto (legitimacio) estos poste tuj forsendita al via adreso. Aldonu por respondo ĉiam respondkuponon aŭ afrankon en neuzitaj naciaj poŝtmarkoj!

**La Komitato de I. A. E. F.**

*) Se ekzistos iu elektita enlanda (perant-) delegito, li afable forsendos de tempo al tempo la kolektitan monsumon kun nomaroj al nia kasisto s-ro E. Kubásek, kaj la aliĝilojn al nia sekretario s-ro J. Blažek. Ekzemple: En Nederlando ekzistas (laŭ sciigo dum la XIIIa U. K. de E. en Praha) la delegito s-ro J. W. Poolen (sekretario de ferv. klubo) Rotterdam, Zwaanshals Nr. 212b.

S-roj delegitoj estos antaŭzorgemaj kaj deskribos antaŭ forsendo la persondataron, ĉar povos okazi, ke la letero kun la aliĝiloj dumvoje povus perdiĝi.

La asocia sekretario restos dankŝulda al ĉiuj societoj aŭ unuopaj samideanaj fervojistoj, kiuj sin tuj anoncos kiel perantaj Delegitoj kaj subtenos tiamaniere nian nuntempe malfacilan organizan laboron!

Skribu tre legeble aŭ per skribmaŝino!

La plej delikata 67
**CIGAREDA PAPERO**

Waldes Antob

**CIGAREDAJ TUBETOJ**

Postulu senpagan ilustr. broŝuron pri via partopreno je profito ĉe firmo WALDES & KIO, Praha-Vršovice, Ĉeĥoslovakio.

---

**Legu, abonu kaj rekomendu**
**la plej bonan informilon pri novaj ŝtatoj de Eŭropo** monatan gazeton

## „NOVA EŬROPO"

esperanta tribuno de malgrandaj nacioj.

**Abono por 10 numeroj:**
Anglio 2 ŝilingoj, Aŭstrio 400 kronoj, Belgio 4 frankoj, Bulgario 20 levoj, Ĉeĥoslovakio 10 Kč, Danio 2 kronoj, Finnlando 20 markoj, Francio 4 frankoj, Germanio, Estonio, Latvio kaj Litovio 30 germanaj markoj, Hispanio 3 pesetoj, Hungario 75 kronoj, Italio 8 liroj, Japanio 2 jenoj, Jugoslavio 20 dinaroj, Nederlando 1 guldeno, Norvegio 2 kronoj, Polio 200 markoj, Rumanio 20 lejoj, Rusio 100.000 rubloj, Svisio 2 frankoj, Usono 50 cendoj kaj por ceteraj landoj 2 svisaj frankoj.

**Bonaĵo por fremdlando:** al ĉiuj 3 pagitaj ekzempleroj sendataj al unu adreso ricevos la abonanto unu ekzemleron senpage. — **Ni konsilas abonpagi por 20 numeroj.**

**Specimena numero senpage!**

**Administracio kaj redakcio:**
**Praha II., Těšnov Nº 10, Ĉeĥoslovakio.**

25

**Niaj abonejoj en**

**Belgio:** s-ro Camiel Verstrepen, Wibrijkscl.: vest 76, Antwerpen.
**Estonio:** s-ro R. Lorentson, Vesivärava t., 18a, k. 12, Tallinn. — S-ro H. Janverk, Vazalemo.
**Japanio:** Administracio de „Verda Utopio", 5265 Uehommaĉi 7 come, Minamiku, Osaka.
**Usono:** Esperanto Service Corporation, 500 Fifth Avenue, New York City.

---

**Legu, abonu kaj rekomendu**
la unusolan internacian monatan fakan gazeton

## FERVOJA ESPERANTISTO

organo de
Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj.

**Abono por 10 numeroj:**
Anglio 2 ŝilingoj, Aŭstrio 400 kronoj, Belgio 4 frankoj, Bulgario 20 levoj, Ĉeĥoslovakio 10 Kč, Danio 2 kronoj, Finnlando 20 markoj, Francio 4 frankoj, Germanio, Estonio, Latvio kaj Litovio 20 germanaj markoj, Hispanio 2 pesetoj [illegible] slavio 20 dinaroj, Nederlando 1 guldeno, Norvegio 2 kronoj, Polio 200 markoj, Rumanio 20 lejoj, Rusio 100.000 rubloj, Svedio 2 kronoj, Svisio 2 frankoj, Usono 50 cendoj kaj por ceteraj landoj 2 svisaj franko.

**Bonaĵo por fremdlando:** al ĉiuj 3 pagitaj ekzempleroj sendataj al unu adreso ricevos la abonanto unu ekzempleron senpage. — **Ni konsilas abonpagi 20 numeroj.**

130 **Specimena numero senpage!**

**Administracio kaj redakcio:**
**Praha II., Těšnov Nº 10, Ĉeĥoslovakio.**

Samideanoj el Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Polio postulu pagilon de poŝta ŝparkaso ĉe nia administracio.

---

NI REKOMENDAS SUKERAĴEJON

## KAFEJON AMERIKAN-BAR

de
KAREL **JULIŠ** PRAHA,
Václavské náměstí 22.

Ĉiutage koncerto!

39.

---

# INTERNACIA FOIRO EN PRAHA ĈEĤOSLOVAKIO

**Va FOIRO: 3.-10. sept. 1922**

Bonvolu adresi informpetojn al la konsulejoj de la Ĉeĥoslovaka Respubliko, la oficialaj reprezentantoj de la foiro kaj la

**FOIRA OFICEJO**
**Praha I., Staroměstská radnice.**

Telefonnumeroj: 7434 kaj 9140.
Kabloadreso: Foiroficejo Praha.

73

---

# Ukraina Stelo.

Organo de ukrainaj esperantistoj.

— Monata —

Plej bona informilo pri popola vivo, kutimoj, moroj, suferoj kaj krea spirita forto de ukraina nacio.

Jara abono por enlando 1000 polajn markoj, por eksterlando 3000 polajn markojn.

Administracio: Eldonejo »Bystrycia«, Stanysłaviv, str. Gołuchowski 54, Orienta Galicio, Polujo. 128

---

# MEBLOJ,

doto por fianĉinoj, kompleta arango de loĝejoj
**J. KURZ & SYN, Praha, Poříč 18.**

---

**! ABONU LA REVUON !**

## »VERDA UTOPIO«

MONATA REVUO ILUSTRATA PRI JAPANAJ LITERATURO, ARTO, MORO, SOCIA VIVO K.T.P.

Jara abono: malaltigita jene; eksterlando Y 1·70, enlando Y 1·50
Speciala jara abono por Ĉeĥoslovakio: Kč 30·—.

Redakcio kaj administracio
5265, Uehommaĉi 7-ĉome, Minamiku, Osaka, Japanio.

**ABONEBLA** ĉe la administracio de „Nova
96 Eŭropo" Praha II., Těšnov Nº 10.

---

Kiu volas trinki bonan teon, postulu ĉiam sole:

## „TEA NIKOLAU"

Kie ne estas ricevebla, skribu rekte al
**Tea Nikolau, Praha VII., Jirečkova 5.**
113 Ĉe realvoko al tiu ĉi anonco 6% rabato.

---

## „L'ESPERANTO"

**Monata ilustrita internacia revuo sub patronado de Itala Katedro de Esperanto.** — Abono: 15 liroj (5 francajn fr.) (per postmandato, ĉeko, respondkuponoj, aŭ en kiu ajn nacia mono, en rekomendita letero). 97

**Direkcio: S. Vito al Tagliamento (Italujo).**

Konstantaj rubrikoj de la Revuo dum 1921 (ĉiuj en E.): Ĉefa artikolo. Gramatiko de Friula Lingvo. Esperanta Sinonimaro. Kiel oni fariĝas grafologoj? Rimoj kaj Versoj. Noveloj kaj Rakontoj. »Itala Animo«, diligentaj tradukaĵoj de verkoj de klasikaj italaj aŭtoroj. Revuo de la Revuoj, interesplena rubriko, kiu per klaraj resumoj kolektas la plej notindajn sciindaĵojn aperintajn en la ĉefaj E. gazetoj de la mondo pri la plej diversaj temoj. »De Alpoj al la maro«, priskriboj de la urboj kaj de l'mirindaĵoj de Italujo. Esperantaj sciigoj. Recenzoj, koresp., humoraĵoj ktp.

---

*FABRIKO DE KALKULILOJ, DATOPRESANTAJ KAJ KUNKUDRANTAJ MAŜINOJ.*

112

MODERNAJ
STAMPILOJ
B. ZAHRADNÍK
PRAHA II.,
VODIČKOVA No 13.
ĈEĤOSLOVAKIO.

---



# Via horloĝo funkcios precize

se vi ĝin donos por ripari al **Frant. Novák**, horloĝisto en Praha I., Malé nám. 10.

Horloĝoj. - Juveloj.
- Malaltaj prezoj. -

**Esperanto-glumarkoj,** 12 diversaj specoj: 100 pecoj Kč 4·—, afrankite Kč 5·—, 1000 pecoj Kč 35·—, afrankite Kč 37·50.

Esperanto-insignoj, oficialaj insignoj de »Ĉ. A. E.« malgranda pinglo Kč 3·—, afr. Kč 4·20, 10 pecoj Kč 25·—, afr. Kč 27·60.

Pli granda, pinglo, broĉo aŭ por butontruo: Kč 4·—, afrankite Kč 5·20, 10 pecoj Kč 35·—, afrankite Kč 37·60. 45

---

# BANKA ČESKOSLOVENSKÝCH LEGIÍ

**(BANKO DE ĈEĤOSLOVAKAJ LEGIOJ)**
**PRAHA II.**

Adreso de telegramoj: »Legiobanka«.
Telefonaj numeroj 6580, 79 93, 7105, 7106, 7107

**Akcia kapitalo Kč 70,000.000.** **Rezervaj fondoj Kč 18,000,000.**

**Filioj en Bratislava, Brno kaj Plzeň. Ekspozituroj en Kolín, Pišťany, Duchcov kaj Nové Město n. Váhom.**

**Plenumas ĉiujn bankajn kaj industriajn transakciojn. — Kompensoj por fremdlandaro.**
**Akceptas mondeponojn je libroj kaj kurantaj konto.** 1